# INTERNACIA ĴURNALISTO

JARO XXII n-ro 1

januaro-aprilo 1983



Organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)


LA PARLAMENTEJO DE POPOLA RESPUBLIKO HUNGARIO

## LA KONGRESURBO BUDAPEŜTO

Ankaŭ ĉi jare la impona kaj bela hungara ĉefurbo estos kongresurbo. En ĝi okazos la 68a Universala Kongreso de Esperanto (de 30a de julio ĝis 6a de aŭgusto 1983). Hungarlando kaj ĝia ĉefurbo estis kaj estas unu el la plej viglaj centroj de nia Esperanto-movado, pro tio inde ĝi por tria fojo gastigas la universalan Kongreson - en 1929, 1966 kaj nun - 1983.

La budapeŝtanoj merite diras, ke ilia urbo estas unu el la plej belaj de Eŭropo. En ĝi troviĝas naturaj belaĵoj - la blua Danubo kun siaj imponaj pontoj kaj la florplena insulo-ripozejo, arbarkovritaj najbaraj montetoj, mezepokaj kasteloj, belegaj palacoj, muzeoj diversspecaj, monumentoj kaj la perlo sur la Danubbordo - la Parlamentejo.

La hungarlandaj esperantistoj kontribuis al la prospero de

nia Esperanto kaj ĝia kulturo. Tie ĉi - en Budapeŝto - aperadis la revuoj "Lingvo Internacia" kaj la fama "Literatura Mondo", tie ĉi la "Budapeŝta Skolo" kontribuis al nia Lingvo Internacia. Tie ĉi vivis kaj verkis la famaj Esperanto-poetoj, verkistoj kaj senlacaj agantoj - Julio Baghy kaj Kalman (Kolomano) Kalocsay. Tie estas ankaŭ centroj de esperantologio kaj E-instruado. Kaj fine, kiel lando, kie nun aktivas unu el la plej vigłaj Landaj Asocioj de UEA, kiel Eldon - Centro de UEA kaj de ME-Movado. Hungarlanda respubliko kaj ĝia ĉefurbo inde atendas siajn internaciajn E-amikojn kaj pacamantojn el la tuta mondo.

En la kadro de la Universala Kongreso okazos ankaŭ la regula jarkonferenco de TEJA.

-==0==-

## 1983 - INTERNACIA JARO DE KOMUNIKADO +)

La mesaĝo de la prezidanto de UEA, s-ro Grégoire Maertens, en kiu li emfazas la gravecon de niaj preparoj por la Internacia Jaro de Komunikado, estas instigilo por ni ĉiuj, enhavas tre utilajn konsilojn.

Ĝenerale, la komunikado mem estas ankoraŭ subtaksata kaj la rolo de la Internacia Lingvo en ĝi despli.

Preparante nin por diversspecaj diskutoj,ni devas unuiĝi en la nocioj kaj metodoj.

Kio estas komunikado?

- reciproka kontaktado, informado, homa kunekzistado;
- gravega ero de la paco;
- necesaĵo por la scienca progreso;
- nepraĵo por la amikeco kaj la interkompreniĝo de la homoj kaj popoloj.

Kiel konate, dum la tuta homa historio, ĉiu progreso en komunikado estis ĉiam aŭ kaŭzo aŭ kunaganto de nova epoko (parolkapablo de la homo, skribo, tipografio, telekomunikado). Nun ni venas al la ĝis nun lasta ŝtupo: al la interlingvo.

**Ofte oni fieras, ke ni vivas en la epoko de scienco kaj teĥniko. Sed vidu: post preskaŭ 200 jaroj de internacia uzado de metra sistemo, en kelkaj landoj oni ankoraŭ kalkulas kaj mezuras per diversaj mejloj, bereloj, uncoj, diversaj coloj.**

La Unuiĝintaj Nacioj, UNESCO, per sia decido proklami la jaron 1983 Internacia Jaro de Komunikado montris, ke la komunikado estas vere unu el la bazaj bezonoj por plua evoluo. Samtempe ni povas varme saluti tiun ĉi decidon, ĉar ĝi pravigas niajn strebadojn pri la faciligo de interhomaj kontaktoj, ĝi donas al ni nerektan subtenon. La jaro 1983 estas vere konvena preparo por la jaro 1987, proklamota kiel Internacia Jaro de la Internacia Lingvo.

Kaj denove, kiomfoje jam, ni venas al la demando pri informado. Estas grandparte nia kulpo, ke la publiko scias malmulton pri Esperanto; multaj personoj kaj institucioj ne estas malamikaj al ni, ili nur ne estas informitaj. Ni devas pacience informadi, montradi sukcesojn kaj rezultojn.

Naciaj E-asocioj kaj grupoj devas eldonadi iuspecajn informilojn, entenantajn novaĵojn, kompilitajn el raporoj de lokaj grupoj, komisionoj aŭ sekcioj, el diversaj periodaĵoj kaj dis-

sendadi ilin senpage al presagentejoj,junularaj, sciencaj aŭ turismaj centroj, ĵurnaloj ktp.

Plej grandan oportunecon donas al ni la eldonata en Bulgario oficiala presorgano de Tutmonda Esperantista Jurnalista Asocio (TEJA) "Internacia Jurnalisto", al kiu ni devas kunlabori, ĉar ĝi disponigas al ni siajn paĝojn por tiuj celoj.

Ni konsciiĝu, ke post dekoj da jaroj, denove nun, kaj ĝuste prezentiĝas la historia ebleco: transpaŝi la sojlon. Ni ne rajtas (!) preterlasi la epokan okazon vigle aktivadi por la plej vasta propagando de la Internacia Lingvo, interesigi kiel eble plej vastajn mediojn de la socio pri ĝiaj valoroj kaj eblecoj por senpera interkompreniĝo de amasoj da homoj el plej diversaj partoj de la mondo.

DONCO HITROV

Prezidanto de ILEF

+) Aperis ankaŭ en "Bulgara Esperantisto".

MALEGALECO DE LA AMASKOMUNIKILOJ EN LA MONDO

Jen la faktoj: en la evoluantaj nunlandoj, kie loĝas 70% de la loĝantaro en la mondo, estas 36 ekzempleroj da gazetoj por 1000 loĝantoj. Tiu nombro estas dekoble pli granda en la disvolvitaj industriaj landoj. En la neevoluintaj landoj - estas 89 radioakceptiloj kaj 24 televidaparatoj por 1000 homoj, kaj en la industriaj ŝtatoj respektive estas 762 radioakceptiloj kaj 322 televidaparatoj por 1000 homoj. Kia malegaleco! Tiun malegalecon UNESKO strebas kaj laboras forigi. Oni serĉas vojojn kaj rimedojn efektivigi la celojn de UNESKO.

PROBLEMOJ DE LA KOMUNIKADO

"KOMUNA ESPERANTO-INFORMILO" aperigas en sinsekvaj siaj n-roj materialojn pri la Problemoj de la komunikado (grava temo diskutota dum la Universala Kongreso de Esperanto ĉi jare en Budapeŝto). La gazeto estas eldonata de la distrikta estraro de E-ta Asocio en kulturligo - en urbo Leipzig, GDR.

Pri la sama problemo aperis germanlingva broŝuro, mendebla ĉe: Dr Detlev Blanke, Esperanto und Wissencshaft (Zur Plansprachenproblematik), 888., 6.-M, 1080 Berlin, Charlottenstr.60,DDR.

BELETRO KAJ POEZIO

## PATRINO DE PEREINTAJ FILOJ

de LARISA ROMANENKO
Balado de 1995 j.
(fragmentoj)

Priploris patrinoj la filojn pereintajn.
Priploris kaj mem forpasis en sufero.
Sed ĉu oni ne aŭdas nokte
el subteraj laborintoj
amikan ploron de l'tero?
Ne tagoj sur tero, ne jaroj jam pasis, -
tuta duonjarcento
de tiuj tagoj fatalaj...
Kaj se la pereintaj leviĝus, alvenus -
ne renkontus la filojn patrinoj.
Sed patrina ploreg'
pri renkont' sen sufero
ne silentiĝas en tera profundo...
Ho, milito, kiel ni forgesu vin
kaj lernu haltigi
ĉi amaran ploregon de l'tero?

El la rusa lingvo:N.ANDRIANOVA

NADIJA ANDRIANOVA

## OMBRO DE HIROŜIMA

(Laŭ Larusa Kaŝirina)

Mi estas ombro. Ombro nur.
Tutblinda kaj senmova.
Tenebro aŭ lumo regas en la mondo?
Nek aŭdi, nek vidi mi povas.
La ombro havas nur memoron.
Feliĉan kaj honoran.
Nur memoron.

... La vagabonda revoregno
min tentis primavere,
promesis tiom multe da feliĉo,
kaj revoj belaj lulis min karese...
kaj jen finalo kia...

Homfrato mia nekonata,
sed vi ja dume estas viva,
kun pulsanta koro,-
ĉu volas ankaŭ aliĝi vi
je ombro blinda kaj senmova,
kiu posedas nur memoron,
kiel mi?
...
Sed eble tute ne ekzistas
homoj jam
kaj vent' impeta ŝanceligas
nur fridajn ombrojn ĉie?...

Mi estas ombro nur.
Tutblinda kaj senmova.
Nur ombro, premsignita
sur la muro,
ĉar plu nenio restis ja de mi.
Sed vi ja dume viva estas, homo!

Tenebro aŭ lumo
regas en la mondo?
Vi devas vidi
kaj konsideri
ĉiun vian faron,
homo!

= - = - = - = - = - = - = - = - = - = - = - = - = - = - = - =

JARKUNVENO DE TEĴA EN BUDAPEŜTO

En la kadro de la 68-a UK de Esperanto en Budapeŝto ĉi-jare okazos jarkunveno de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA).

Dum la jarkunveno estos traktataj organizaj kaj profesiaj problemoj de nia asocio.

Ĝeneralan raporton pri la ĝisnuna agado faros la Prezidanto de TEĴA s-ro OLAV THORMODSEN (Norvegio).

La kunvenon, krom ĵurnalistoj, partoprenos ankaŭ membroj de nia frata kunlaboranta Ligo de esperantistoj Foto - Kino-Magnetofono-amatoroj - ILEF.

Ni invitas ilin ĉeesti la kunvenon! Bonvolu serĉi anoncajn afiŝojn pri la okazonta kunveno en la kongresejo.

La Estraroj de TEĴA
kaj de ILEF

= - = - = - = - = - = - = - = - = - = - = - = - = - = - = - =

GARDU, DEFENDU LA PACON!

Mi estis nur dekjara, kiam unuafoje mi aŭdis la nomon de Nadja Trojan. Ĉirkaŭ junpionira fajrego ni aŭskultis rakonton pri la heroeca agado de tiu virino dum la Patrolanda milito. Ĉiuj estis ravitaj de ŝia sentimo kaj animfortikeco. Kaj nature ni ĉiuj revis estiĝi similaj al ŝi...

Ĉu tiam mi povis eĉ penseti, ke la sorto donacos al mi la feliĉan eblecon renkontiĝi persone kun ŝi? Vidi kaj aŭdi tiun legendan virinon, Heroon de Sovetunio, membron de Soveta pacdefenda komitato?

Kun granda emocio mi malfermis la pordon de la vicrektora kabineto de Unua Moskva medicina instituto. Apud la tablo sidis eleganta bela virino. Ŝiaj okuloj rigardas bonvoleme, kvankam iom lace, la rideto - afabla. Do, jen antaŭ mi la legenda knabino.

Nia konversacio fluas malrapide. Ŝajne, ŝi ne tre emas paroli pri si mem. Prefereble rakontas pri la laboro en la instituto, pri studentoj, pri siaj infanoj /interkrampe: du filoj, jam alte kvalifikitaj kuracistoj/.

Kun malkaŝa ĝuo ŝi rakontas pri la agado de Soveta pacdefenda komitato kaj de Komitato de militveteranoj, kie ŝi estraranas jam de pluraj jaroj.

Ĝis junio 1941 en la vivo de Nadja Trojan ĉio estis klara kaj simpla. Ĝoja kaj senzorga infaneco en la malgranda belorusa urbeto Drissa. Poste venis la lernjaroj, la studenteco en Unua Moskva, pli poste en Minska medicinaj institutoj. Periodoj de senbordaj junulaj revoj. Kaj subite trafis ŝin la milito.

Mi observis ŝin - tiel milda, bonkora, simpla. Kaj mi demandis min mem: "Ĉu nome ŝi organizis sabotaĝojn kontraŭ faŝistaj transportoj? Ĉu ŝi disvastigis sekretajn alvokojn inter la loĝantaro pri kontraŭstaro al la okupantoj? Ĉu ŝi kolektis gravajn informojn pri la planoj de la malamiko kaj transdonadis ilin al la partizanoj? Kontraŭ kiom da danĝeraj cirkonstancoj ŝi devis batali kaj kiom da teruraĵoj ŝi observis propraokule?"

- De kie vi prenis tiom da fortoj kaj aúdaco kontraústari la malamikon? Kio devigis vin - apenaú transpaŝintan la sojlon de plenkreskula vivo - ĉiuhore rigardi trankvile la fantomon de la morto?

Sen longa pripensado ŝi respondis:

- La amo al la patrolando kaj la malamo al la malamiko. Ni ĉiuj volis la samon - elpeli la faŝistojn el nia teritorio. Ni kredis en la venko. Kaj nome pro tio ni estis pretaj al ĉio. La milito estis tutpopola. Tutaj familioj, eĉ tutaj vilaĝoj transiris al la partizanoj. Ankaú ĉiuj miaj hejmanoj - patro, panjo, frato.

Nun ŝi savas la vivon de la homoj kontraú la morto. Sed tiam ŝi plenumis tute alispecajn taskojn. Jen unu vere eksterordinara kaj danĝerega tasko: laú komando de la belorusa popolo ŝi devis likvidi la ĉefon de hitleranoj en Minsk Vilhelm fon Kube. Ŝi devis trovi kontaktojn kun personoj, ofice vizitantaj fon Kube. Nur kun ties helpo estis eble plenumi la ordonon pri lia likvido.

La sangavida ekzekutisto Kube ne sukcesis eskapi la mortpunon. En la nomo de l'popolo la kondamno estis plenumita. Tion faris Elena Mazanik, Marija Osipova kaj Nadeĵda Trojan.

- Diru, mi petas, kiu estas la plej feliĉa tago en via vivo?

La tago de la Venko. Tio estis kiel en la kanto: "Feliĉo kun larmoj en la okuloj". Por porfunde kompreni tion, oni devas esti travivinta la Venkon.

Post la venko venis jaroj de streĉeco kaj laboro. Nadeĵda Trojan, jam kirurgo, faris operaciojn en la kliniko, instruis al la studentoj, okupiĝis pri socia kaj scienca agado...

- La nuntempa junularo - ŝi esprimas siajn pensojn - revas venki la homajn malsanojn, konkeri la kosmon, eltrovi novajn pli modernajn metodojn de kuracado. Belegaj revoj! Mi kredas en ties efektivigo. Por tio estas necesa nur unu kondiĉo - paco sur la Tero. La pacon ni devas garantii je ĉiu prezo!

La militheroo defendis la pacaferon. Hodiaŭ ŝia armilo estas - la porpaca parolo. Kaj ŝia parolo valoras multon, oni kredas al ŝi.

La festa salono de ĉefurba Palaco de scienco kaj tekniko estas plenplena de junuloj. Vespera aranĝo - renkontiĝo de la generacioj. Inter la invititoj troviĝas veteranoj de la Patrolanda milito, en kies grupo estas ankaŭ Nadeĵda Trojan. La junularo amasiĝas ĉirkaŭ ŝin. Pluvego da demandoj. Oni petas ŝin rakonti pri memorindaj momentoj el sia vivo.

Kaj jen demando:

- Kion el la sperto de via generacio vi dezirus transdoni al la nia?

- Ke vi neniam travivu la maldolĉan militsperton de mia generacio. Ĉu estas penseble, ke la riveroj da sango, verŝitaj dum la pasinta milito, estas verŝitaj vane? Ĉu estas eble, ke la fiasko de l'faŝismo ne prezentas lecionon al la novaj agresantoj? Ni kun vi devas alporti tion al ilia konscio. Ni komprenigu al ili, ke la popoloj unuanime estas kontraŭ nova mondmilito. Vi vivas en paca lando, vi ricevis la pacon herede - gardu, defendu ĝin. Lernu batali por la paco tiel abnegacie, kiel ni defendis kaj savis la liberecon de nia Patrio.

Direktiĝinte al rendevuo kun Nadeĵda Trojan mi prezentis anticipe al mi, ke ŝi estas kvieta, jam nejuna virino. Sed fakte mi renkontiĝis kun bela persono, vivanta aktive, plenritme, interese. Mi vidis viglan virinon, pruvinta en kruda epoko la pretecon de sia generacio al heroaĵo en la nomo de l'vivo kaj libereco, virinon farantan hodiaŭ heroaĵon ennome de la vivo kaj paco.

El "XX jarcento kaj la paco"

Tradukis: N.Al.

- = - = - = -

# EL LA HISTORIO DE LA INTERNACIA ĴURNALISTA MOVADO

(Daŭrigo)

La 14-an kaj 15-an de septembro 1973 en Zürich-Küssnacht okazis la unua oficiala renkonto de reprezentantoj de IOĴ kaj FIŜ. Ambaŭ delegitaroj, malgraŭ iuj kontraŭdiroj interkonsentis,ke en iuj okazoj ili povas kunlabori por solvado de diversaj profesiaj problemoj.

*

En Helsinki, de 21-a ĝis 23-a de septembro 1976 okazis la 8-a Kongreso de IOĴ kun sidejo en Prago, ĈSSR. La organizaĵo regrupigis la landajn ĵurnalistajn organizaĵojn, la grupo-membrojn kaj aliajn en 109 landoj de 5 kontinentoj kun 150 000 membroj.

*

En 1981 okazis la 9-a kongreso de IOĴ. En tiu jaro IOĴ celebris sian 35-an jubileon.La kongreso pritraktis gravajn problemojn organizajn kaj priprofesiajn kaj prenis decidojn por la plua aktivigo de IOĴ kaj ĝiaj landaj organizaĵoj, por la defendo de la profesiaj, kulturaj k.a. ĵurnalistaj interesoj, por disvolvo de la komunikrimedoj k.t.p.

Dum la sekvaj jaroj IOĴ laboris por la plenumo de la akceptitaj decidoj, reprezentantoj de ambaŭ internaciaj ĵurnalistaj organizaĵoj okazigis komunajn konferencojn kaj serĉas vojojn solvi kune iujn priĵurnalistajn problemojn.

## HISTORIO DE LA GAZETARO

En 1536 aperis la unua gazeto en Eŭropo. Ĝi estas manskribita folio, eldonata de la Venecia registaro. „Por tralegi la novaĵojn en tiuj Skribitaj informoj" (latine "Notitia skribta") oni pagis per eta monero. Baldaŭ la "Informojn" oni komencis eldoni sub la titolo "Gazeta" laŭ la nomo de tiu monero.

*

En 1609 komencis aperadi la strasburga"Relacion" kaj la aŭsburga "Avizo" - semajnaj 4-foliaj informiloj en limigita eldonkvanto. La jaron de ilia naskiĝo (1609) oni konsideras kiel naskiĝdaton de la gazetaro en la mondo.

*

En 1633 publikiĝas la unua polica malpermeso de gazeto en Strasburgo, kiu ekzemplo ekde tiam ripetiĝis ĝis nun en multaj landoj.

*

En 1677 en Anglio estis publikigita leĝo, per kiu oni malpermesis la vendadon kaj disvastigadon de gazetoj dimanĉe, ĉar per tiu vendado kaj legado oni malrespektas "la sanktecon

de la dimanĉa ripozo", ja laŭ la biblio,dio kreis la mondon dum ses tagoj kaj la sepan li ripozis. Tiun sanktaĵon hodiaŭ oni duoble malrespektas, ĉar en multaj landoj oni jam ripozas ankaŭ dum la sesa tago - sabate.

*

En 1682 estas publikigita unuafoje anonco en gazeto "Merkurius Politikus". Tiu anonco - reklamo estis donita de librokomercisto.

(Daŭrigota)

# INTERNACIA KONKURSO EN BUDAPEŜTO




## ILEF ORGANIZAS INTERNACIAN FOTO-KINO-MAGNETOFON-KONKURSON

Lige kun la 68-a Universala Kongreso de Esperanto en Budapeŝto (Hungario) en 1983, la Internacia Ligo de Esperantistoj Foto-Kino-Magnetofon-amatoroj (ILEF) organizas internacian konkurson pri temo:

"LA FOLKLORA ARTO - PONTO INTER LA POPOLOJ",

kiu estas konforma al la ĉefa kongresa temo pri komunikado.

ILEF alvokas ĉiujn esperantistojn foto-kino-magnetofon - amatorojn partopreni la konkurson en ĝiaj tri fakoj:

1) FOTO

Ĉiuj fotografaĵoj (nigre - blankaj aŭ koloraj) devas esti kopiitaj je standarta formato: 24x30 cm aŭ 40x50 cm kaj estu provizitaj per klariga teksto (subskribo). En aparta koverto, sur kiu devas esti skribita iu pseŭdonimo, la konkursantoj devas doni sian ĝustan nomon kaj adreson.

La bone pakitajn fotografaĵojn (inkluzive la koverton kun la donitaĵoj pri la sendinto)oni ekspedu al inĝ.HANS R.SCHMIDT - estrarano de ILEF pri fako "Foto"- ne pli malfrue ol la 30-a de junio 1983. Lia adreso: Schweriner Alle 35, DDR-2800 LUDWIGSLUST/Meckl.

2) KINO

Ĉiuj kino-amatoroj povas partopreni la konkurson per nigrablankaj kaj koloraj 8 mm-super, 2x8 mm aŭ 16 mm filmoj, surbendigitaj aŭ kun aldone sinkronigitaj kun la filmbendoj magnetofon-kasedoj aŭ bobenoj. La dezirantoj partopreni la filmkonkurson persone kunportu en Budapeŝton siajn filmverkojn, kiujn oni projekcios dum la kongrestagoj. ILEF disponigos projekcisalonon kaj projekciatorojn. Speciala ĵurio pritaksos la filmkvalitojn surloke.

3) MAGNETOFONO

La kondiĉoj por partopreno en la konkurso per magnetofonaj surbendigoj de popolkantoj, instrumentoj kaj muzikaj popolensembloj estas la samaj, kiel por la konkursaĵoj pri fako "Kino". Ĉiu deziranto konkursi havos la eblecon prezenti siajn magnetofon-surbendigojn antaŭ speciala ĵurio.

La plej altkvalitaj fotografaĵoj, filmoj kaj magnetofon-surbendigoj estos premiitaj respektive per I,II kaj III premioj.

La premioj estos aljuĝitaj fare de UEA kaj ILEF. Al ili aliĝas per modesta premio ankaŭ la Esperanto-Liceo en Madrido,Hispanio.

Al ĉiuj partoprenontoj en la konkurso la estraro de ILEF deziras fruktodonan laboron kaj sukcesojn en Budapeŝto 1983!

Aliĝu ankaŭ vi al ILEF! Per via membreco kaj aktiva kunlaborado vi helpos la pluan disvastigon de Esperanto pere de la plej modernaj rimedoj de informado kaj komunikado.

Ni atendas viajn kontribuaĵojn!

La estraro de ILEF

= - = - = - = - = - = - = - = - = - = - = - = - =

## LA ELSTARA BULGARA ESPERANTISTO, ĴURNALISTO KAJ POETO ASEN GRIGOROV JAM 80-JARA



En Sofio la esperantistaro celebris la 80-an jubileon de nia mondkonata kaj elstara kolego Asen Grigorov. Li ricevis altŝtatan ordenon, gratulon de la ĝenerala sekretario de BKP kaj prezidanto de la ŝtata soveto Todor Ĵivkov, gratulojn, florojn, donacojn de dekoj da esperantistaj societoj el Bulgario kaj el aliaj landoj.

La redakcio de "Internacia Ĵurnalisto" gratulas la eminentan kolegon -jubileulon, bondezirante al li sanon, feliĉon kaj longjaran laborkapablecon.

= - = - = - = - = - = - = - = - = - = - = - = - =

En kiom da lingvoj parolas la homaro?

La plej nova esploro de la Franca Akademio de Sciencoj montras, ke sur nia planedo oni parolas en 3796 lingvoj. La sciencistoj dividas ilin en 11 bazajn kaj 30 pli malgrandajn lingvajn grupojn. La dialektoj sur la tero estas ie inter sep kaj ok miloj.

- - - - - - - - - - - - -

**A T E N T O N, N I   P E T A S !**

Laŭ la statuto de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, en landoj, kie estas ĝis kvin membroj de TEĴA, ili elektas inter si unu reprezentanton de nia asocio; kie estas pli ol kvin membroj, ili elektas unu komitatanon. La komitatanoj k-aj la reprezentantoj de TEĴA gvidas la asociajn aferojn en la respektiva lando: ili reprezentas nian asocion,kie estas necese, varbas novajn membrojn, kolektas membro- (abon) kotizon ktp kaj subtenas kontaktojn kun la estraro de la asocio kaj la redakcio de "Internacia Ĵurnalisto".

Ni petas: La membroj de TEĴA en lando, kie ne estas reprezentantoj aŭ komitatanoj, bonvolu tuj elekti inter si konvenajn kolegojn por tiu ofico kaj sendi iliajn adresojn al la estraro de TEĴA kaj samtempe al la redakcio de "I Ĵ". Se necese,la estraro de TEĴA mem nomos ilin provizore.

## EL LA TUTA MONDO

Angolo

Estas fondita Asocio de la ĵurnalistoj de Popola Respubliko Angolo.

Ĉeĥoslovakio

En la Ĉeĥoslovaka Ĵurnalista Asocio membras 6280 ĵurnalistoj, el kiuj preskaŭ 45% estas pli junaj ol 40 jaroj.

* * *

Eldonejo "Obzor" - Bratislava - aperigis en slovaka lingvo "Malgranda Enciklopedio pri ĵurnalistiko". Ĝi estas verko de granda teamo da ĉeĥoslovakaj aŭtoroj, fakuloj en la teorio kaj praktiko de ĵurnalismo. En 1200 alfabete ordigitaj artikoloj oni klarigas nociojn kaj terminojn de la ĵurnalistiko, poligrafio, radio kaj televido, donas biografiejn de eminentaj ĉeĥoslovakaj ĵurnalistoj, informojn pri plej gravaj amaskomunikil-

oj en eksterlando. La teksto estas akompanata de ĉ. 500 ilustraĵoj.

* * *

Salvadoro

Ĉe la Supera Komandantaro de Fronto por Nacia Liberigo "Farabundo Marti" estas fondita gazetara agentejo "Notissal". Ĝi funkcias kiel sendependa organo de la gazetaro. La agentejo starigis sian unuan korespondantan buroon en la ĉefurbo de Nikaragvo - Managua.

USSR

Post kvinjaraj intertraktoj estis subskribita kontrakto, laŭ kiu ekde la kuranta jaro la soveta eldonejo "Mir" (Mondo) aperigas en rusa lingvo la usonan scienc-popularan revuon "Scienctifik American". Ĝi estas unu el la plej prestiĝaj scienc-popularaj periodaĵoj en la mondo - ties eldonkvanto en angla lingvo estas 650 000 ekz. kaj ĝi estas tradukata en ses fremdaj lingvoj.

NOBELPREMIO POR GABRIEL GARSIA MARQUES

La pasintjaran Nobelpremion pri belliteraturo ricevis la kolumbia verkisto kaj ĵurnalisto Gabriel Garsia Marques, unu el la plej grandaj figuroj en la nuntempa Latin-Amerika kaj tutmonda literaturoj.

Marques naskiĝis en 1928 en Kolumbio. Komence de sia kariero li laboris ĉefe kiel ĵurnalisto. Poste li dediĉis sin por kelka tempo nur al belliteratura kreado, sed la lastaj gravaj eventoj en Latin-Ameriko kaj aparte la eventoj en Ĉilio, instigis Garsia Marques denove al ĵurnalista laboro.

Li elektis kiel temon de sia belarta laboro la hodiaŭan vivon kaj konfliktojn en la Latin-Amerika kontinento. Unu el liaj plej bonaj verkoj estas la romano "Cent jarojn soleco".

* * *

HUNGARIO - Radio Pécs denove en Esperanto.

Radio Pécs /Peĉ/, regiona stacio de la Hungara Radio, ankaŭ ĉi-jare disaŭdigos esperantlingvajn programojn en junio, julio kaj aŭgusto. La elsendoj okazos ĉiun vendredon inter 18.25 kaj

18.30 laŭ la somera hungara tempo. /GMT: 16.25-16.30/. La programoj enhavos turistajn kaj movadajn informojn. La esperantlingvaj disaŭdigoj estos kapteblaj en la suda parto de Hungario kaj en kelkaj nordaj regionoj de Jugoslavio. Ondolongoj: 343 m /873 kc/ laŭ la meza ondo kaj 67.19 Mc laŭ la ultrakurtondo.

La unua elsendo okazos la 3-an de junio, la lasta - la 26-an de aŭgusto. Reagojn bv.sendi al: Radio Pécs, Esperanto, Pécs,Pf. 200, Hungario, H-7601.

INFORMOJ EL ESTONIO

Fine de 1982 ni celebris la 350-an datrevenon de nia Tatrua Universitato. La solenaĵon ĉeestis multaj ĵurnalistoj. Aperis en Esperanto la libro "Estona Panoramo" (eldonejo "Periodika"). Ĝi enhavas artikolojn pri la vivo, ekonomiko, kulturo, arto k.a. en Estona SSR. La ĵurnalisto Vello Lään skribis pri la universitato "... Unu el la plej malnovaj en Eŭropo...". En la libro estas artikolo pri la E-movado en Estonio, titolita "Sub la verda standardo" de nia kolego Jaan Ojalo. La libro estas bone ilustrita per koloraj kaj nigra-blankaj bildoj.

Elmar Ratassepp

HUMURO KAJ SATIRO

La ĵurnalista kapro

Jen estis lando, tute verda kaj tre bela, regata de kruelega tigro, mastro kaj sinjoro de la teritorio. Al tiu lando venis ĵurnalista kapro.

- Ho, kiel granda lando kaj kiel bone regata ĝi estas! - diris la kapro ĝentile antaŭ la suvereno.

Sed, krom paroli, ĝi devas skribi. Do, kun la deziro bone impresi per siaj kronikoj, ĝi diris pri la tigro en unu el ili: "Ĝia vosto estas blazono de aristokrateco".

Kaj okazis, kiel okazas en ĉiuj regnoj de la mondo, ke iam la urso anstataŭis la tigron.

Longe cerbumis la kapro, ĉar kiel sciate la urso ne havas voston, kaj konsekvence ne plu konvenis laŭdi tiun korpoparton, sed male. Do, la kapro skribis jene en sia revuo: "Feliĉe la nova suvereno malhavas tiun aĉan apendicon, kiun oni nomas vosto".

Konstatinte tian kontraŭdiron, la elefanto, abonanto de la revuo, protestis al la ĵurnalista kapro. Kaj tiu respondis cinike:

- Nu, mi konstatas, ke vi komprenas nenion pri moderna ĵurnalismo. Kiam mi laŭdas same ĉiun el tiuj du bestoj, ĉu vi ne vidas klare, ke gravas ne tio, ĉu ili havas voston aŭ ne, sed tio ke ili havas krifojn kaj dentojn?

Aŭtoro:Victor Manuel Pérez Perozo (Venezuelo)
Traduko: Liven Dek
(El la Hispana esperantista "Bulteno")

Premiita kolego

Nia ĉeĥoslovaka kolego Oldřich Knihal verkis poemon "Lando Promesita", kiu gajnis laŭdan premion en la ĉi-jaraj Belartaj Konkursoj de UEA. S-ano Knihal antaŭ kelkaj jaroj kunaŭtoris la premiitan romanon "Kiu semas plorante...", kiun oni devus eldoni baldaŭ ĉe UEA kaj kiun en Kanado oni tradukis en la anglan. Knihal nun tradukas la faman verkon de J.Hašek "La brava soldato Švejk".

Reprezentantoj de TEĴA en USSR

Al ili la membroj de TEĴA kaj abonantoj de "Internacia Ĵurnalisto" povas turni sin por informoj pri nia asocio kaj presorgano, kaj en Sovetunio pagi la kotizpn:
- Nikolaj F.Danovskij - bv.vidi lian adreson sur p.18
- Nadija Adrianova, Ukr.SSR,252173 Kiev - 173, P.S.LOO/2
- N.I.Sigal, 270011 Odesa 11, str.Kirova 52, kv.25.

---

## Ricevitaj esperantaĵoj

Ukrainaj popolaj fabeloj - kompilis kaj el ukraina lingvo en Esperanton tradukis Nadija Adrianova, redaktis Lidija Raeva. Grandformata, 80-paĝa libro entenas 21 fabelojn. Eldonis la ofseta presejo de Bulg. E-Asocio, Sofio, 1983. Prezo neindikita.

Defendi la pacon, preventi nuklean militon. Proponoj de Sovetunio en la Dua Speciala Sesio de la Ĝenerala Asembleo de UN pri malarmado. 80-paĝa libreto, tradukita en Esperanton de Gonĉarov, Tokarev kaj Novikova. Eldonejo de Presagentejo Novosti, Moskva, 1982. Enhavas: Mesaĝo de L.I.Breĵnev, Elpaŝo de A.A.Gromiko en la Dua Sesio; Memorando de USSR; Bazaj tezoj pri malpermeso de nukleajkaj kemiaj armiloj; la Gazetara konferenco de Gromiko en Nov-Jorko.

- Broŝuretoj de Monda turismo: Kalendaro 1983, Esperantotur, Vizitu Orienton senpage k.a.
- Belorusaj Esperantistaj novaĵoj. januaro 1983. Eldonas Esperanto-klubo, Minsk, USSR, enhavantaj raportaĵon de V Ta-roŝeviĉ kaj aliajn informojn. Aperas tajpite, sporade.

- Nia Minska kolego Adam Pavlukovec skribas al ni: "...Via revuo tre plaĉas al mi. Mi ne nur ĝin legas kaj donas ĝin legi aliaj esperantistoj, sed mi ĉiam uzas materialojn el la revuo por niaj klubaj kunvenoj. Dankon pro la konstante interesaj materialoj..."

# TRA LA GAZETARO

"Esperanto kiel pera lingvo en ĵurnalismo"

Sub tiu titolo KEG - Komuna E-gazeto en Nederlando skribis la jenon en decembro 1982:

"La jugoslava ĵurnalisto Slavo Simunić iniciatis publikigon de rubriko "Vilaĝo kaj terkulturo en la mondo", en la monata agrikultura revuo "Selo" (Vilaĝo), aperanta en 5o ooo ekzempleroj, por kiu li laboras.

La sistemo de li uzata estas ke kunlaboramaj esperantistoj el la tuta mondo sendas al li artikolojn originalajn aŭ tradukitajn en Esperanto, kiujn li poste tradukas en sian nacian lingvon, por publikigo en SELO..."

Reagojn sendu al: s-ro Slavo Simunić, Creska 18, JU 41000 - Zagreb, Jugoslavio.

Redakcia noto: Antaŭ du monatoj kolego Sl.Simunić vizitis Sofion kaj renkontiĝis kun nia ĉefredaktoro Esperov. Ambaŭ kolegoj pritraktis iujn aspektojn de ilia estonta kunlaborado.

* * *

Internacia Kultura Servo

"Internacia Jurnalisto" ricevis la jenan informon de tiu servo: Karaj geamikoj, Dezirante plifortigi internacian interŝanĝon de ĵurnalismaj informoj pere de Esperanto, ni faris nian proponon. Ĝi estas farita je niaj spertoj de nia ĝisnuna laboro, sed certe vi havos viajn rimarkojn. Do, ni petas vin ĉi tiun materialon pritrakti kiel ŝanĝeblan skemon por nia eventuala kunlaboro. Kiel aldono ni sendas al vi ankaŭ nian unuan provnumeron de "Bulteno", kiu enhavas kelkajn resumojn de artikoloj de niaj kunlaborantoj por interŝanĝo.

Esperante, ke vi pritraktos niajn provojn kiel valoraj kaj ke vi pretos kunlabori

amike salutas vin: Judita Rey Hudeček

INTERNACIA KULTURA SERVO
JU 41000 Zagreb, Amruŝeva 5/1
pp.499, tel.419-206 Jugoslavio

# Nia poŝto

- Oskar Stolberg, Leipzig, DDR: "... Dankante, mi konfirmas la ricevon de nia organo "Int.Ĵ.". Mi ĝojas, ke vi enlistigis min kiel membron de TEĴA... Mi estas peranto de IKAE (Internacia Koresponda Adresaro Esperantista). En ĝi mi penos trovi kolegojn por TEĴA... Precipe salutinda estas la komuna agado de TEĴA kaj ILEF..."

Red.noto: Kolego Stolberg, ni dankas al vi pri via preteco kun-

laberi al TEĴA. Ĉu via amiko-esperantisto (grafikisto) estas Joachim Schulze? Ni ricevis ankaŭ de li leteron fine de marto j.k.

- Joachim Schulze, Leipzig, DDR. Ni ricevis vian leteron kaj enlistigis ankaŭ vin kiel membron de TEĴA. Vi ricevos "I.Ĵ.". Bv kontaktiĝi kun kolego Oskar Stolberg por kunlaborado. Vi ricevos ankaŭ la n-ron 3/1982. Ĉu vi bonvolus pentri por nia organo novajn rubrikajn titolojn? Esploru la malnovajn en "I.Ĵ."

- L.Fiŝbejn-Uzlovaja, USSR. Dankon pri la gratuloj. Gastonte en Bulgario, bonvolu gasti al nia ĉefredaktoro en Sofio.

- H.Mittag, Berlin, DDR. Ni korektis vian adreson. Dankon.

- Jose F.Arryo, Madrid, Hispanio. Via informo ricevita. En "I. Ĵ". aperos simila informo. Dankon.

Kiamaniere pagi la abonkotizon kaj la membrokotizon al TEĴA?

MEMBROJ DE TEĴA KAJ ABONANTOJ DE "INTERNACIA ĴURNALISTO"? ATENTON!

Responde al demandoj de niaj membroj kaj abonantoj, la redakcio de "Internacia Ĵurnalisto" informas ilin, ke la abonkotizo, kiu inkluzivas ankaŭ la membrokotizon, estas du usonaj dolaroj aŭ la egalvaloro en nacia mono. Oni devas pagi la kotizon rekte al la redakcio (per ĉeko aŭ mono) de la eldonanto - CE de Bulg. Esp.Asocio, per la ĝirkonto N-ro 185/1052 DSK Blagoevski rajon - Sofio, Bulgario. Oni povas pagi ankaŭ al la ĝenerala sekretario -kasisto de TEĴA s-ro Dino Fabris, Borgo Bossano 5, Cittadela (Paduva), Italio. Oni povas pagi ankaŭ rekte al vialandaj reprezentantoj de TEĴA (kie estas tiaj).

La membroj de ILEF povas pagi al la samaj adresoj. Kiel ni menciis, la abonkotizo inkluzivas ankaŭ la membrokotizon. Samtempe la pagintoj perletere avertu la redakcion, ke ili pagis.

La redakcio de "Int.Ĵ-sto"

NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

- Joĉjo Guriĉ, B-membro, adreso: 55102 Slavonski Brod, poŝtfako 151, Jugoslavio.

- Slavo Simuniĉ, A-membro, adreso: Creska 18, JU-41000 Zagreb, Jugoslavio.

LA REDAKCIO DE "INTERNACIA ĴURNALISTO TUTKORE DANKAS AL ĈIUJ KOLEGOJ, KIUJ SENDIS GRATULLETEROJN OKAZE DE LA NOVJARAJ FESTOJ!

## E S T R A R O  D E  T E Ĵ A

Prezidanto - Olav Thormodsen, Box 59,5501 Haugesund - Norvegio.

Vicprezidantoj: Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv."Borevo" bl.219 B, 1680 Sefia, Bulgario. Li estas ankaŭ ĉefredaktoro de "Internacia Ĵurnalisto".

Tadres Megali, D-8387 Rossenbach, Untergrafenderf, F.R.Germanio.

Nikolaj Danovskij - 2266014 Riga 14, ul.Ostrovskago 4-4 USSR.

Generala sekretario kaj kasisto: Dino Fabris, Borgo Bessan 5, Cittadela (Padova) Italio.

Membro - estrarano: Donĉo Ĥitrov, 1000 Sofio, ul. "Asparuh" 61, Bulgario. Li estas ankaŭ redaktoro de IĴ.

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 Sofia, kv.Borovo, bl.219 III, Bulgario, tel.56-58-77.
Redaktoroj: Nikola Aleksiev kaj Donĉo Ĥitrov.
Teknika aranĝo: Evgeni Georgiev.
Redakcia adreso - la adreso de Esperov.